# Lingvo



## Deveno de la primitivaj adverboj

Plejmulte de la tiel nomataj primitivaj adverboj de E-o devenas el la **franca** lingvo (adiaŭ, ĉi, heraŭ, parkere...) El la **germana**: ajn, baldaŭ, des, for, ja, ju, morgaŭ, nun, nur. El la **latina**: eĉ, hodiaŭ, jam, jen, supre, tamen. El la **itala**: almenaŭ, ankaŭ, ankoraŭ. El la **angla**: jes, ĵus. El la **rusa**: nepre.




carrinho de compras
aĉetĉareto

fone de ouvido
aŭskultilo

comida de forno
bakaĵo

forma de bolo
bakformujo

mingau, papa
bebokaĉo

pão integral
branpano

bola (de neve, de papel...)
bulo

cinamo
canela ●

referenco:
http://dvd.ikso.net/vortaro/Hejma_vortaro.html

[GH

Gaja Haveno

Porto Alegre, RS, Brazilo
Julio 2019 | **N-ro 43**
www.gajahaveno1.blogspot.com

◢Tempotunelo

# Mondaj Sociaj Forumoj en Porto Alegre: Esperanto surstrate (1)

En *Gaja Haveno* n-ro 13, de marto 2002, la ĉeftitolo estis *Amase! Esperanto diskonigata al miloj da homoj dum la 2a Monda Socia Forumo*. MSF estas granda evento organizata de sociaj movadoj en la mondo *kun la celo ellabori alternativojn por iu tutmonda socia transformado* (Pt-Vikipedio) kaj havanta kiel sloganon *Alia mondo eblas*.




Foto: Jozefo Paŝeko

Sub kunordigo de GEA-Gaŭĉa Esperanto-Asocio, nia loka esperantista movado ĉiam kaptis la okazon pri realigo de la MSForumo niaurbe (2001, 2002, 2003 k 2004) por diskonigi Esperanton – precipe ekde la dua okazintaĵo. Ĉinumere ni raportos ion pri nia ege grava kaj memorinda partopreno en 2002. ▶

**Gaja Haveno**
Kreita en 1997
Redaktas César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj PDF-forme:
www.esperantors.net.br/gajahaveno

# Juvenalo legas ĵurnalon




.

En la 2a Monda Socia Forumo partoprenis 68 319 homoj parolantaj 156 lingvojn, 35 000 aŭdantoj, 15 230 delegitoj, 11 600 kampaduloj, 4 909 organizoj, 3 050 ĵurnalistoj, 2 500 infanoj (Forumeto), 135 invititoj, 700 atelieroj, 100 seminarioj, 28 konferencoj.

Referenco: Registaro de RS

▶La 2a Monda Socia Forumo realiĝis en Porto Alegre inter 31/01-05/02/2002 kaj la partopreno de la Esperanta movado en la evento estis aŭspiciata de BEL/UEA/GEA.

**Surstrate**

La 31an de januaro, okaze de la malferma tago de la Forumo, ĉ. 50 mil homoj kompreneble ne nur brazilanoj sed ankaŭ homoj el aliaj mondpartoj, partoprenis en dukilometra grandioza marŝado el la urbocentro de la urbo ĝis la Anfiteatro Pôr-do-Sol ĉe la Lago Guaíba. La esperantistoj de la regiono, en konsiderinda nombro, samkiel E-istoj el aliaj lokoj, en ĝi ĉeestis portantaj aron da atentokaptaj reklamrubandoj. Ĉe la anfiteatro oni kaptis la okazon por distribuado de multnombra kvanto da faldfolioj pri E-o. ▶



# Miks-

## Biero



La kafo estas la preferata trinkaĵo en Brazilo. Onidire la brazilano trinkas averaĝe inter du kaj tri kaftasoj potage. Kurioze alifklanke la biertrinkado malaltiĝis lastatempe: hodiaŭe la lando troviĝas en la 17a loko inter tiuj kiuj plej trinkas bieron: brazilanoj trinkas mezume 62 l jare. Antaŭnelonge estis 65 l.

## Vestaĵoj nur por foto

Laŭ enketo komisiita de la kreditkarto-kompanio Barclaycard, preskaŭ unu el 10 aĉetantoj (9%) en Britio agnoskas la aĉeton de vestaĵoj nur por fari foton por socimediaj amaskomunikiloj kiel Instagram. Post kiam la *kostumo de la tago* iĝas reta, ili redonas ĝin ree al la vendejo.

Kontakto n-ro 289 (2019:1)

## Messi konstruigos hospitalon

La plej granda centro pri infana kancero en Eŭropo estos konstruita en Barcelono kiel iniciato de la granda futbalstelulo Leonardo Messi. Ĝi kostos 30 milionojn da eŭroj, havigotajn el la propra fondaĵo de la ludisto kune kun monrimedaj apogoj de aliaj organizaĵoj. ●

Referenco: www.maesemacao.com.br

**Esperanto
kaj la amaskomunikiloj**

Aparte gravaj estis la diversaj intervjuoj donitaj al la amaskomunikiloj el kiuj oni elstarigu la jenajn:

- Al la itala taggazeto *Corriere della Sera*
- Al la franca revuo *Le Monde Diplomatique*
- A la brazila taggazeto *Folha de S.Paulo*
- Al la novaĵagentejo *Associated Press*
- Al la retnovaĵagentejo *Informes*
- Al la retnovaĵagentejo *Carta Maior*
- Al la radiostacio France International
- Al la germana radiostacio *Attac-Stuttgart*
- Al la gaŭĉa radiostacio *Gaúcha*
- Al la gaŭĉa radiostacio Cultura/FM
- Al la gaŭĉa komunuma radiostacio *Rádio Muda*
- Al la gaŭĉa televidstacio *TVE* dufoje vive
- Al la gaŭĉa televidstacio *Bandeirantes/Porto Alegre*
- Al la televidstacio *Comunitária*, de la ŝtato Santa Catarina
- Al la televidstacio *Cultura*, de la ŝtato São Paulo
- Al la transnacia Radikala Partio

Bedaŭrinde nek Paŝeko nek Jovanir fotis min dum la malferma marŝado!...



**Matilda**

Referencoj:
*Gaja Haveno* n-ro 13, de marto 2002
https://pt.wikipedia.org/wiki/F%C3%B3rum_Social_Mundial



www.
gajahaveno1.
blogspot.com

## Kafpaŭzo



*César Dorneles*



## Iam en Prago...

En Prago (1996) mi estis partoprenanta en la Universala Kongreso de Esperanto kaj mi iutage troviĝis en la restoracio de la impona kulturdomo en kiu la evento realiĝis, sidanta ĉe la verŝotablo por trinki kafon, se mi bone memoras... Mi ekbabilis kun japano kiu sidis apud mi kaj li demandis al mi pri mia profesio. Mi respondis, ke mi estas instruisto. Li tuj sin turnis al siaj kunuloj samlandanoj sidantaj aliflanke kaj komentis al ili, ke mi estas instruisto. Ĉiuj rigardis min kun granda admiro sur la mieno... Fine, ĝuinda momenteto en kiu la japana spirito pri respekto kaj valorigo de la instruistoj trafis min.



## Estu membro de GEA!




GEA-Gaŭĉa Esperanto-Asocio vivas sian novan fazon post la perdo de la sidejo en kiu disvolviĝis siaj aktivecoj dum longa tempo. La plej grava afero estas tio, ke ĝi daŭrigas sian aktivadon, ĉefe en la kampo de E-lernigado. Oni revigligis la okazigon de Gaŭĉa Renkontiĝo de Esperanto kaj aranĝas aliajn eventojn tra la jaro por kunfratigi la esperantistojn niaregione, kiel ekzemplo la ĵus okazinta promeno al Guaíba. Nia biblioteko sukcesis ŝirmon en nova kaj pli adekvata ejo danke al la ege grava komplezemo de nia samideano Antônio Filippini. Sub la respondeco de la institucio tri diversnivelaj E-kursoj okazas nuntempe mardon vespere kaj sabaton posttagmeze ĉe Centro Cultural CEEE-Erico Veríssimo, iu bela partnereco kiu GEA tenas jam de kelkaj jaroj. Sekve al tio, nia regiona Esperantoasocio, samkiel iu ajn alia, bezonas la apogon de ĉiuj kiuj povas persone kontribui pere de membriĝo al ĝi. La monrimedoj akiritaj kontribuas por ke ni ekzemple povu okaze de kursdiskonigado pagi reklamafiŝojn en Facebook pri novaj kursoj. ●

# ◢Humuro

## Gisele



Kio okazus se la nederlandanoj estus venkitaj la portugalojn kaj ili estus koloniintaj Brazilon? Por komenci, niaj modeloj pri beleco estus tute aliaj. Anstataŭ nigrharaj, niaj virinoj estus brunaj kun glataj haroj kaj la plej konata brazilanino en la mondo estus ia longstatura ino de la norda tipo, nomata Gisele al io simila. Oni tute ne povas imagi. ●

**> Luis Fernando Verissimo**

# ◢Kapoj pensas

## Homaj devoj



Kial la hodiaŭa socio ĝenerale parolas pri *rajtoj* multe pli ol *devoj*?

El psikologia vidpunkto tia pensmaniero estas *introverta*, egocentra (-), kontraŭe al ekstroverta sinteno (+), karakterizita de komprenemo pri respondecoj aŭ *devoj*.

Komprenante la valorojn de *homaj devoj* oni montras intereson pri individuaj kaj sociaj bezonoj pri la neceso de harmonio kaj paco en la mondo.

Se la *Universalaj Deklaracioj pri Homaj Rajtoj* ne sufiĉe substrekas la valoron de *homaj devoj* – malgraŭ la opinio de kelkaj juristoj – la ĉarto, pro manko de grava morala aspekto, ŝajna al mi neekvilibra. ●

Fragmento de intervjuo
de Prof. J. W. Haazen al
https://revuoesperanto.org



**Prelego ĉe ADURGS**

La 1an de februraro, ĉe ADURGS – Associação de Docentes da URGS, Instr.
César Dorneles Soares, akompanata de diversaj E-istoj kiuj kaptis la okazon por sin manifesti, partoprenis en la panelo *Por uma nova Babel: tradução e tradutores no mundo global* (*Por iu nova Babelo: tradukado kaj tradukistoj en la tutmondiĝa mondo*). Oni kaptis la okazon por disdonado de faldfolioj.

**Ateliero pri Esperanto: 120homa publiko**

La 2an de februaro, ĉe PUC- Pontifícia Universidade Católica, oni realigis la atelieron *A Língua Internacional Esperanto como promoção da Paz* (La Internacia Lingvo Esperanto kiel impulso por la Paco). Onidire troviĝis 120 homoj en homplena ĉambro al kiu multaj interesatoj ne sukcesis eniri. La ĉeestantoj akompanis sciigadon pri Esperanto la jena programo: *O que é o esperanto/ Kio estas Esperanto*) (Luiz Fernando Puhl), Como é o esperanto/ *Kiel estas Esperanto* (Marcelo Stoduto),

.

*O esperanto na atualidade/ Esperanto en la nuntempo* (César Dorneles Soares),
O esperanto e a internet/ *Esperanto kaj interreto* (Jozefo Paŝeko), *O esperanto e a paz/Esperanto kaj paco* (Maria da Glória Geyer). Informmaterialon ricevis ĉiuj partoprenantoj)

**La laborado por disvastigi Esperanton**

Dum la tuta periodo de la Forumo, la esperantistoj diskonigis pere de atentokaptaj faldfolioj la celojn de Esperanto al la granda publiko ne nur brazila sed eksterlanda. Ĉicele oni ankaŭ utiligis laŭeble la kvar oficialajn lingvojn de la evento: portugalan, anglan, hispanan kaj francan. Oni elstarigu la valoran kontribuon de Jozefo Paŝeko, kiu kompleze farigis 15 mil kopiojn de la belaspekta faldfolio *Esperanto – A Língua Neutra Internacional*, laboraĵo de Renato Oliveira Pereira. Portante reklamrubandojn ĉiutage ĉefe ĉe la halo de la Eventocentro de PUC, la esperantista anaro vokis la atenton de miloj da preterpasantoj kiuj plurfoje eĉ fotis kaj filmis nian E-diskonigadon.▶